# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 11/10/2014 Cent okdek sesa eldono 12/10/2014 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★

## 40. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO Kombinaĵoj de vortoj. Ĉ.

La tria speco de egalmemstara kombinado okazas, kiam ni kungluas du radikojn memstarajn, ekz. en "(vortaro) franca-germana" kaj en "la sekretario-kasisto" kaj en "vole-nevole". La du partoj ne difinas unu la alian, unu ne ŝanĝas la signifon de la alia: la sekretario ne estas speciala speco de sekretario pro sia kasisteco; esti ankaŭ kasisto ne kaŭzas ŝin esti aliforma sekretario ol normale. Ĉar la du radikoj tamen devas esti menciataj kune, oni metas streketon inter ilin, ĉar sen streketo la signifo estus alia, kiel en "la germanturkaj kutimoj", kiuj kutimoj ne estas tiuj de ĉiuj germanoj kaj/aŭ de ĉiuj turkoj, sed nur de la turkoj en Germanujo. Ĉar do estas granda diferenco de signifo inter la memstaraj kaj la interdifinaj kunmetaĵoj, neniam uzu streketon en la alia maniero de vortkunmetado, la plej ofta, kie la unua parto difinas la signifon de la alia parto ("riverbordo" ne estas rivero kaj bordo, sed nur bordo, bordo de la rivero, rivera bordo. Marcel Leereveld.



# Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu

La Esperanta Retradio funkciadas de tri jaroj kaj duona. En ĝi ĉiutage aperas sonartikoloj pri temoj el la nuntempo kaj eblas ĉiutage aŭdi ion novan en la lingvo. Tiel la RetRadio plenumas la funkcion esti ponto inter literatura kaj parolata lingvo. Kaj tio funkciadas sen financaj problemoj, sen kvereloj, en plene amika kunlaboro.

## Se oni ne informas AE, AE ne povas informi siajn legantojn

En via bunta Novaĵletero mi legas regule informon pri http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html kiu nomiĝas retradio, sed estas serio de laŭtlegataj tekstoj pri interesaj temoj, sed ne pri aktualaĵoj de kutima radio kaj televido.
Anton Oberndorfer iam diris ke ekzistas aŭstralia radio en Esperanto, kun kaj interesaj temoj kaj aktualaĵoj.
Ekde kiam mi ricevas la Novaĵleteron, mi ne trovis regulan mencion, eĉ ne unu mencion pri ĝi.
Ĉu jam mortis tiu Aŭstralia radio en Esperanto, aŭ ĝi plu ekzistas iom kaŝite?
Bert Ŝuman Francujo

★★★★★★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★

En ĉiu deka novaĵletero ja estas informo pri la radio 3zzz. Krome ĉiuj novaĵleteroj nun montras liston de la konataj grupoj en Aŭstralio kaj tie vi trovas mencion pri la melburna radio en la pasintaj numeroj AE184 kaj AE185 sed ne pli longajn informojn ĉar la respondeculoj de la radio nenion sendis al ni. Ankaŭ en tiu-ĉi numero, vidu la liston ĉe paĝo 4
Mi tre dankas tiujn kiuj sendas informon sed mi ne havas la tempon aŭ inklinon individue peti informon de iu grupo.
Malgranda peno de ĉiuj grupoj plibonigus la novaĵleteron KAJ la proprajn grupojn.
**ĈU VIA GRUPO ESTAS NE SUFIĈE VIDEBLA? SENDU INFORMOJN PRI ĜI**
AE reklamas la Retradion ĉar ĝi estas ĉiutaga, interesa, sperte legita, KUN teksto, kaj postulas nur 5 minutojn tage por plialtigi la lingvan kapablon de la aŭskultantoj.

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !**



Ĝin verkis Poŭlo Thorsen antaŭ multaj jaroj, sed ĝi ankoraŭ havas gravan mesaĝon, do jen ĝi:
**Plej amike, Bob Felby**

## Dedukto

**Se ni pro la novuloj nacilingve en kluboj babilas, laŭ similaj reguloj lerni naĝon sen akvo**

# Multaj novaĵoj pri Richard sur Facebook.






Unue li fariĝis edzo. Korajn gratulojn, poste li montris foton kun Itala esperantisto en Milano kaj nun li estas en Svislando kie li hazarde renkontis esperantistinon. Jen tio kion Richard skribis sur Facebook



Oni ofte diras, ke vi neniam renkontus Esperantiston hazarde en la strato. Hodiaŭ dum mia vojaĝo kun mia fianĉino en Svislando, ni decidis eniri turistan butikon por aĉeti ŝminkon. En la butiko estis kelkaj helpistoj, kiuj parolas diversajn lingvojn por asisti trovi taŭgajn varojn. Mia fianĉino komencis paroli kun ĉina helpisto. Tiam mi rimarkis ke ĉiuj helpistoj havas malgrandan ŝildon sur la brusto, kiu montras la konatajn lingvojn de la helpistoj. Surprize nia helpisto portas Esperanto-flagon... do nature mi petis Esperante "Ĉu vi Esperanton parolas" kaj ŝi surprizite respondis Esperante. Ni longe parolis kaj poste interŝanĝis kontaktajn detalojn.
Trovis, Nicole

# KLUBNOVAĴO





Mi ŝatus legi la klubnovaĵojn. Sed malmultaj emas informi











## Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj



| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj<br>Listigitaj en la AEA ret-paĝoj kaj Aliaj | Vidu<br>AE184 | Vidu<br>AE185 | Vidu<br>AE186 |
|---|---|---|---|
| **AEA informas** | | AE185 | |
| **La Brisbana Esperanto-Kafklubo** | | | |
| **Brisbana Esperanto-Societo** | | | |
| **Centra-Marborda Esperanto-Klubo** | | AE185 | |
| **Esperanto Federacio de Nov-Sud-Kimrio** | AE184 | AE185 | |
| **Esperanto en Sudaŭstralio** | AE184 | | |
| **Esperanto-Federacio de Viktorio** | | | |
| **Esperanto Kafo Klubo De Kanbero** | | | |
| **Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio** | | | |
| **Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia** | | | |
| **Manlia Esperanto-Klubo** | AE184 | AE185 | AE186 |
| **Melburna Esperanto-Asocio** | | | AE186 |
| **Melburna Kafeja Grupo** | | AE185 | |
| **Novkastela Esperanto-Societo** | | | |
| **Or-Marborda Esperanto-Grupo** | | AE185 | AE186 |
| **Sudorienta Esperanto-Klubo** | | | |
| **Tasmania Esperanta Societo** | | | |
| **Toowoomba Esperanto-Societo** | | | |
| **Torkia Esperanto-Kafo-Klubo** | | | |
| **Informu AE se la listo eraras rspring@tpg.com.au** | | | |
| **Sendu informon pri via klubo** | | | |

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 16-an de oktobro, je la 19:00 (18:30)



# La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm

ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.



"La Melburna klubo bonvenigis novajn membrojn pasintan lundon, Jean kaj Tristan. La aliaj ĉeestantoj estis Marcel, Karlo, Joanne, Peter, Jennifer kaj Heather. Ni diskutis kaj planis la venontan Zamenhofan Feston, tradukis artikolon kaj praktikis nian belan lingvon." Heather H











# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf;

Unu taso da senpaga kafo.

04/10/14 Venis: Christine, Gerry, Eunice, John kaj Roger.

Je la 12 tm ĉiuj iris al la domo de Roger kie Mei preparis ĉinajn pastbuletojn, biskvitojn kaj kafon.

Ĉiuj admiris mian fiŝ-lageton, statuojn kaj ĝardenon Roger Springer



## Kioma Horo ?

Koran dankon pro la bonega "Aŭstraliaj Esperantistoj".

Mi ankoraŭ ne legis ĝin, sed tamen trafis mian atenton la rimarkigo de Nicole, ke anstataŭ ŝanĝi la horon semajnfine meze de la nokto, estus pli bone ŝanĝi ĝin vendrede je la 16-a horo.

Nu, mi bone komprenas, ke Nicole mem ne kulpas pri tio, sed laŭ mia saĝa kaj prudenta opinio estus eĉ multe pli bone tute ne ŝanĝi ĝin. Ni ja neniam revas pri sanĝiĝo de la monatoj, ĉu ? Julio restu Julio, neniam ni esprimas deziron sanĝi ĝian nomon al decembro, kvankam oni nuntempe trovas en Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto la neologismon "julo", anstataŭ "kristnasko".



Kaj se niaj tute sentaŭgaj registaranoj en sia "saĝeco" nun decidas sekvi la bonan konsilon de Nicole, pardonu min Nicole, mi nur ŝercas, kaj ordoni ke oni ŝanĝu la horon vendredon posttagmeze je la 16-a, tiam mi certas, ke tio sufiĉas al la pacienco de la laboristaro, ĉar tio signifus, ke ili devus senpage labori unu ekstran horon antaŭ ol iri hejmen. Sed tamen, eble tio estus bona ideo, tio povus esti la komenco de la bezonata revolucio kontraŭ la registaro, ĉu ne?

Bob Felby

Jen Jonathan Cooper kun la nova ĉemizo aĉetebla ĉe Jo en Melburno.

Amike, Nicole




# Kiu profitas, tiu daŭrigas kaj revenos



### Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu

La lingvo Esperanto estas - kiel konate - facile lernebla. Aŭ pli bone - relative facile, ĉar la lernado de lingvo, se oni volas akiri sufiĉe altan nivelon de regado ĉiukaze postulas ne malmulte da fortostreĉo, kaj tio validas ankaŭ por Esperanto. Tamen la celon oni atingas pli facile kaj pli rapide ol ĉe la lernado de aliaj lingvoj.

Tio ja estas klara avantaĝo de Esperanto kaj certe ankaŭ bona argumento por instigi interesulon al la lernado de la lingvo. Tamen oni ne eraru kredi ke tiu argumento estas la ĉefa kaj decida por la lernado. La facileco de

la lingvo prezentas nur kadran kondiĉon, sed por la serioza okupiĝo pri la lingvolernado decidas aliaj faktoroj, nome la perspektivoj pri la aplikado kaj utiligado de la akirita scipovo de la lingvo.

Kaj jen tio ofte estas la problemo por aktivuloj kiuj volas instigi interesulojn al lernado de Esperanto: Se mankas perspektivo, interesulo post kontentigo de komenca scivolemo ne vidas sencon en la daŭrigado de la lernado kaj do forlasas la kurson kaj certe ne plu revenos.

Necesas do doni al la interesulo konkretan perspektivon por la praktika aplikado de Esperanto. Kaj tiucele ni ja povas oferti ion: En multaj landoj dum la tuta jaro okazas unusemajnaj klerigaj aranĝoj en kiuj Esperanto estas la komunika interlingvo kaj kie partoprenanto povas nodi novajn kontaktojn kaj ĝui la restadon en amika etoso.

Principe ja preskaŭ ĉiu klera junulo volas pasigi tempon en eksterlando por plivastigi sian mensan kaj socian horizonton, sed oni bezonas tiucele tempon kaj monon, kaj tio en multaj kazoj mankas. Por partopreno en E-aranĝo ne necesas multe da tempo kaj mono. Kaj ankaŭ la risko ke oni tie ne trovas tion kion oni serĉas, estas konsiderinde malpli granda ol ĉe restado dum unu aŭ du semestroj en eksterlando.

Eblas do logi homojn al Esperanto, invitante ilin ne unuavice al lingvolernado, sed al partopreno en tajlorita internacia E-aranĝo. Kompreneble la partopreno en tia aranĝo postulas konon de la lingvo kaj tial kelkajn monatojn antaŭ la dato de la aranĝo devas komenciĝi lingva sinpreparado por la internacia renkontiĝo aŭ seminario aŭ festivalo.

Do la lernmaterialo devas esti tajlorita por la partoprenonto. Ĝi devas pritrakti ĉion kio dum la aranĝo lingve povas okazi: Pri kio oni tie parolos? Kion mi volas paroli tie? La preparado de taŭga lernmaterialo en la epoko de la interreto estas relative facile farebla.

Necesas nur adapti la materialon al la gepatraj lingvoj de la partoprenontoj kaj tiucele la organizantoj de la koncerna aranĝo bezonas kunlaborantojn en la devenlandoj de la partoprenontoj por ke ili traduku la nacilingvan parton de la lernmaterialo. Tiu materialo estu nepre aŭd-vida, do la lernantoj povu legi kaj aŭdi tekstojn. Filmetoj subtenos tion.

La organizantoj ankaŭ atentu pri la nombro de novuloj, ĉar devas ĉiam esti sufiĉe da partoprenantoj kiuj regas la lingvon kaj kiuj tiel garantias ĝian funkciadon en la aranĝo.

Se nova partoprenanto en internacia E-aranĝo profitas el ĝi, tiam tiu partoprenanto verŝajne daŭre interesiĝos pri Esperanto kaj li aŭ ŝi volonte partoprenos en la venontjara aranĝo. Tio kontribuos al plua kreskado de Esperanto.



## AEA Arĥivoj ĉe Esperanto Domo

8 Okt Roger, Ian kaj Margaret laboris iomete je la arĥiva ĉambro ordigante la arĥivojn. Multege da laboro bezonota.

## Sendu vian fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero

# Invito prezenti ĉe la januara kongreso

Ĉu vi havas sperton kaj/aŭ intereson, kaj deziras dividi ĝin kun aliaj?
Ĉu vi deziras gvidi diskuton aŭ laborsesion pri movada afero?
La Aŭstralia Esperanto-Asocio invitas vin proponi sesio(j)n por la Aŭstralia Kongreso kaj Somerkursaro 2015.

Jen kelkaj ideoj:
- Kiel plej bone konigi Esperanton
- Instruado de Esperanto
- Uzado de sociaj retoj (por personaj kaj movadaj celoj)
- Organizado de publikaj eventoj, ekz-e lingvaj festivaloj
- Kiel krei podkaston
- Oftaj kaj tiklaj demandoj pri Esperanto, kaj kiel respondi al ili

Kvankam sesioj kutime daŭros dum unu horo (aŭ malpli), laborsesio eble okazus trans du periodoj, se necesus.

Skribu pri viaj ideoj, kiel eble plej baldaŭ, ĉe la Facebook-paĝo de AEA: **bit.ly/aea-fb**
Aŭ sendu retleleton al **info@esperanto.org.au**

Dankon,
La Estraro de AEA
Informis Jonathan Cooper

## Central Coast Esperanto Club

Anoj kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm

Mi ĝisdatigis ĉi tiun 'Meetup'-kunvenon. Por pli da detaloj, vidu:
http://www.meetup.com/Esperanto-in-Sydney/events/212600882/

**Kiam:** dimanĉon, la 12an de oktobro, 1400 – 1600, kaj poste ĉiun duan dimanĉon monate.

**Kie:** The Sanctuary Cafe, Erina Heights
414 Central Coast Hwy, Erina Heights NSW 2260

Tio estas la nova regula kunvenloko, ĉar Bamboo Buddha fermiĝas je 1500.

Amike,
Jonathan